n-ro 14
1993-4
decembro 1993

# Esperanto en Azio

Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio

**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / rok 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413
**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## • *Salutas la eldonanto*

***Karaj legantoj,***

Fine mi sukcesis verki, "Kiel atingi UKon en Seulo?" Mi esperas, ke partoprenontoj utiligu la informojn. Cetere mi petas samideanojn, kiuj loĝas en la itineroj, ke ili mem proponu kiel ili povus helpi vojaĝantojn, kaj utiligi ilin por siaj lokaj movadoj. "Esperanto en Azio" daŭre aperigos opiniojn, proponojn kaj konsilojn pri la temo.

LKK de Seula UK sukcesis trovi tre taŭgan lokon por amasloĝejo, kiu estas tiel proksima, ke oni povas piede atingi la kongresejon. Tio estas tre bona avantaĝo en la giganta urbego, kiu havas grandan trafikan problemon. Ne riĉaj aziaj partoprenantoj ĝuos tre malmultekostan loĝejon, ĉar la loĝkosto de la amasloĝejo (en kiu pli malpli 250 anoj povas loĝi) estos ĉirkaŭ 45 usonaj dolaroj. Oni tamen devas kunporti dormsakon.

En tiu ĉi jaro mi vojaĝis en eksterlando preskaŭ duonon de la tuta jaro, kaj mi ne povis tuj reagi al multaj, kiuj skribis al mi. Mi povis respondi nur nepre necesan, kaj mi ne aparte traktis tiujn, kiuj rilatas al miaj projektoj, ĉar efektive la rezulton vi vidos pere de la rezultoj. Se iu finfine ne povis ricevi ian respondon, bonvolu pardoni, kaj reskribi.

Okaze de la nova jaro mi deziras al vi kaj viaj familianoj sanon kaj feliĉon.

*la eldonanto*

*SO Gilsu*

# 1. Raporto de SO pri la projektoj

## 1.1 Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Ekonomia stato en Ĉinujo progresas tre okulfrape, kaj nun sufiĉe multaj samideanoj mem pagas por aliĝi al UEA. Sed en Ĉinujo la diferenco de riĉeco inter nordo kaj sudo, ĉemaraj kaj internaj urboj, kamparoj kaj urboj, riĉuloj kaj neriĉuloj, estas tre granda, kaj ankoraŭ kelkajn jarojn Projekto C multe helpos nian movadon en la lando, mi opinias. Lastan tempon multiĝis reagoj el Vjetnamio, Kampuĉio, Nepalo, Indonezio, Srilanko ktp., dum malgrandiĝas la nombro el Ĉinujo.

Ĝis nun oni povis kandidati por la projekto nur en jarfino dum difinita periodo, kaj kelkaj konsilis al mi, ke tio estas tre maloportuna, kaj :

1. De nun oni povas kandidati dum la tuta jaro, kio ankaŭ faciligos mian laboron.
2. Rekandidatiĝantoj, nome kiuj jam aliĝis pere de nia projekto, raportu sian aktivecon por la kuranta jaro kaj projekton por la venonta jaro en ajnaj monatoj de la jaro. En la okazo oni ne bezonas sendi "konciza sinprezento"-n, ĉar mi jam havas.

Mi dankas al ĉiuj, kiuj tre detale raportis pri nia movado en sia urbo, per kio mi povas percepti nunan staton de Esperanto-movado en Azio.

## 1.2 Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj

1. Pri la elekto de invitotoj al UK en Seulo el kandidatoj mi nun interkonsiliĝas kun koncernaj homoj.
2. S-ro KUMAKI Hideo en Japanujo skribis al mi, ke li estas preta por pagi vojaĝkoston al Seula UK por du esperantistoj el Hanojo, kaj ankaŭ el Hoĉimino, kaj ke miaflanke helpu ilian loĝadon. Mi kore dankas al li pro lia favoro, kiu certe donos grandan esperon al partoprenontoj. Mi klopodos garantii ilian loĝadon en Seulo dum UK.

## 1.3 Projekto D: Helpi pri Esperanto-libroj

1. Rezulto de reago pri "senpage posedu FUNDAMENTON DE ESPERANTO kaj NOVA ESPERANTA KRESTOMATIO" estis malgranda. Mi ricevis nur 3 petojn, sed al du el ili mankis necesaj raportoj.
2. Kelkaj el Vjetnamio, Kampuĉio kaj Srilanko skribis, ke ili nun verkas aŭ lernolibron aŭ vortaron. Mi atendas ilian finlaboron. D-ro Dinh van Van,

vjetnamo, jam skribis ke li finverkis lernolibron 250-paĝan. Mi esperas, ke vjetnamaj esperantistoj interkonsiliĝu pri la eldono, ĉar ni ne komprenas la vjetnaman.

3. D-ro Dinh van Van sendis ankaŭ manuskripton de "maljunologio" en Esperanto. La libro en la vjetnama jam eldoniĝis, kaj li serĉas helpanton por eldoni ĝin en Esperanto kaj la angla. Se iu havas scivolemon, turnu sin al: *d-ro Dinh van Van: 80 Nguyen dhi Thanh F2 Q10 Hochiminh City, Vjetnamio.*

# 2. Raportoj

## 2.1 Pri Eŭro-Azia Renkonto

Somere niaj urbanoj (Nanchang) naŭope veturis per trajno al Rusio por ĉeesti 1993 Eŭro-Azian Renkonton en Permo. Pli ol 50 esperantistoj partoprenis en ĝi. Bedaŭrinde ni naŭ samurbanoj kaj unu hungaro sen vizo estis nuraj alilandanoj. Verŝajne oni timas nunan inflacion kaj malstabilan situacion tie kaj ne kuraĝis veturi tien. Inter pli ol 40 rusaj partoprenantoj la plejparto estis Perm-anoj. Videble rusaj familioj spertas ekonomian malfacilon. La inflacio altiĝas 15 % monate. Dum la renkonto ni vizitis iun ripozejon, riveron Kama kaj ekspozicion pri antikvaj konstruaĵoj. Post la renkonto oni aranĝis viziton al Jekaterinburgo, kie troviĝas la ŝtona limo divida inter Eŭropo kaj Azio. Poste ni vizitis Moskvon, Sanktan Peterburgon ktp. Samtempe ni esploris eblecon komerci kun rusoj per Esperanto. Mia ĉefa tasko estis interpretado, ĉar inter ĉinoj nur mi vere kapablas flue paroli Esperante kaj komuniki ankaŭ per la rusa lingvo. Do mi estis servistino al aliaj ok ĉinoj. Verdire mi estis tre, tre laca. Tamen kiel lerninto de la rusa lingvo en 50-aj jaroj, mi estis kontenta, ĉar nur nun mi havigis al mi okazon paroli kun homoj kies lingvon mi iam ellernis. Krome mi sate ĝuis rusan naturon—Baŭkalo, Obo, freŝa aero en siberia arbaro, longegaj tagoj. Mi fordonis 40 tagojn por tiu ĉi renkonto, sed pli ol duontempo estis sur trajno.

*(Gu Jian-hua/ 20 Yang Ming Lu, Jiangxi Zhongyi Xueyuan, Nanchang 330006, Ĉinio)*

## 2.2 Mi vojaĝis al Belgio

De la 2a ĝis la 30a de majo mi el Wuhan vizitis Eŭropon. Precipe Germanion kaj Belgion. Mi, komercistino, kiu laboras ankaŭ kiel modelino pri vestaĵoj, jam de longe korespondas kun la germana esperantisto, Otto Nutsch en Aŭgusburgo kaj kun la prezidanto de "Hirundo". En la 19a de majo mi finfine vizitis Tienen (Belgio) kaj loĝis

dum tri tagoj en Domo Zamenhof, Merelhot 8, Tienen. La venontan tagon ni veturis al la centro, kaj mi interesite pri multaj novaĵoj, multe fotis. Mi vizitis ankaŭ preĝejon. Posttagmeze ni veturis al Bruselo kaj ĝuis vidindaĵojn de la ĉefurbo. En la lasta tago ni vizitis la urbon Leuven

En 1996 la belgaj esperantistoj vizitos min en Ĉinio. Per Esperanto ni bone komprenis unu la alian en ĉiuj signifoj de la vorto, "kompreni".

*(Xia Wana/ Wuhan, Qingshan-qu, Hong Gang-chen 11 jie 2 men 8 hao, CN-4300080, Ĉinio)*

## 2.3 *Mia vojaĝo en Esperantujo de la Centra Ĉinio*

Antaŭ monatoj akompaninte fremdlandajn geesperantistojn aŭ private mi vojaĝis per la helpoj de lokaj esperantistoj tra kelkaj urboj en la Centra Ĉinio (regiono sen najbareco ĉe landlimoj aŭ maro).

***La verda stelo sur la Flava Altebenaĵo***

Dum transjara renkontiĝo de SAT en Xi'an mian ideon akceptis du partoprenantoj el la urbo Jingchuan, Gansu-provinco. Por realigi la ideon pere de eksterlanda esperantisto vigligi la lokan movadon, dum junio mi akompanis usonan esperantistinon, CATHERINE CARYE fari vojaĝon al la urbo Jingchuan nordokcidente 240 km for de Xi'an. Kompreneble la vojaĝo per la aŭtobuso ne estas tiel komforta, ĉar la vojo zigzagas en la valo kaj Jing-rivero. Eksterlandaj esperantistoj neniam vizitis la lokon. Sed imagu kaj ne forgesu, ke kelkaj esperantistoj ankoraŭ bataladas en la valo de la Flava Altebenaĵo!

Ni atingis la urbon preskaŭ vespere, sed lokaj samideanoj jam atendis duonan tagon, ĉar en la urbo ili jam batalas por konigi nian lingvon pli ol 10 jarojn, sed unuafoje ili havas ŝancon montri al la samurbanoj, kio estas vivanta Esperanto. La plej grava organizanto de nia movado en la urbo estas s-ro Hu Guopeng, kiu delonge havis Esperantajn kursojn, kaj kiu fondis Esperanto-Societon en la urbo. Li bone posedas nian lingvon ĉefe je verkado de originaj poemoj. Li havas tre intiman rilaton kun famaj Esperanto-verkistoj, kiel William Auld... Li sopiras al redaktado de Esperanto-gazeto. Mi kredas lian talenton, sed tio dependos tute de konkreta agado kaj grandofero.

En la urbo ankaŭ estas tre diligenta samideano, juna agronomo Huang Yenbao. Li estas kuraĝa kaj sukcesa je utiligo de Esperanto en sia fako. Li kolektis multe da semoj per la helpo de diversaj esperantistoj tra la mondo, kaj poste li semis kaj kulturis por trovi aŭ krei speciojn adaptotajn al la ĉina kondiĉo kaj merkato. Jes, iuj semo-firmaoj kaj terkulturistoj aĉetis liajn semojn kun pago. Lia utiligo jam atentigis la lokan registaron kaj fakulojn. Li nun senoficiĝis el la ŝtata instituto kaj private okupiĝas pri signifa laboro per Esperanto kaj la Verdaj Semoj el la tuta mondo. Kion opinias samideanoj, eĉ samfakaj,

kiuj ĉiam riproĉas, sed ne faras?

Alie, dum la restado mi ankaŭ diskutis kun ili pri mia ideo, "En la ĉina kamparo", ĉar mi delonge planas organizi interesatojn el eksterlando viziti la regionon originan de la ĉina agrikulturo ĉirkaŭ la urbo Xi'an, kompreneble inkluzive la urbon Jingchuan, kie krom la bela pejzaĝo de la Flava Altebenejo, estas la fama loko kun Palaco de la Okcidenta Reĝino kaj ripozhotelo kun la varma fonto...

***La kolora stelo sur la monda firsto***

En septembro mia franca Esperanto-amiko Pierre Berlot refoje atingis nian urbon Xi'an por plenumi nian planon kunvojaĝi al Ĉinghaj-provinco. Por la vojaĝo mi jam kontaktiĝis kun la lokaj esperantistoj, kaj menciis konigon kun lokaj tibetanoj, kies gento ofte interesiĝas pri la okcidention. La provinco troviĝas sur Tibet-Ĉinghaj-a Altebenaĵo. Ĝia ĉefurbo estas Sining okcidente ĉ. 900 km for de Xi'an. Fine de septembro ni trajnis al ĝi.

Ni atingis la urbon tagmeze. La organizanto de la movado en la regiono s-ro Jia Wende atendis nian alvenon en la stacidomo. Sekve ĉio estis en ordo: Vespere ni vizitis Esperanto-kurson, kaj kunvenis kun lokaj Esperanto-aktivuloj. La movado en la urbo estas normala, tiel ke kelkaj aktivuloj kaj unu Esperanto-kurso ekzistas izolite kaj trankvile. Kompreneble, tie tro mankas Esperanto-vizitantoj el eksterlando. Laŭdire nur en la pasinta jaro kelkaj geespernistoj el Francio vizitis la regionon. Laŭ mi francaj esperantistoj plej multe vizitis la Centran Ĉinion, kaj grande kontribuis al la ĉina Esperanto-movado.

En la sekvinta tago ni vizitis la tre faman budtemplon Tar, akompanite de samideano Ma Guansian. Li estas emerito kaj islamano fidela al sia religio, sed ankaŭ al nia movado. Pro tio ke mi estas la ĉina peranto de SAT, dum la veturo ni multe diskutis pri la problemoj de la nacio kaj religio. Ĉu tia diskuto okazeblas nur inter esperantistoj? Kaj de tiam d-ro Pierre Berlot kaj mi bone scias, ke en tiu regiono vivas ne nur tibetanoj, sed diversaj gentoj vizitindaj.

En la sekvintaj tagoj krom Ĉinghaj-lago (la Blua Maro fama pro la birdaj insuletoj) ni mem vizitis la vilaĝon tu-an (la mongoleca gento, sed agrikultura) huj-an (la islama loĝantaro en Ĉinio) sala-an (la turkeca gento, devena de Samarkando, Uzbekio), tibetan, kie naskiĝis la fama Panĉan-lamao. Jes, nia vizito okazis senpere de turisma servo, sed pli malmultekosta kaj pli interesa tiel, nur ke ni povas observi kaj ĝui la nature koloran gent-pejzaĝon. Certe por la vilaĝanoj la eŭropano estas rara vizitinto. Interese, kiam ili sciis la eŭropan, ili ĉiam laŭdis min je sperta franca lingvo. Post mia klarigo ili ĝenerale scias kio estas Esperanto unuafoje, ĉar mi konas nenian fremdlingvon krom Esperanto.

La vizito donis al ni tre belan impreson. Antaŭ foriro mi diskutis kun la lokaj samideanoj kelkfoje pri Esperanto-aranĝo en la venonta jaro, ekzemple ke ni aranĝu Esperanto-kampadon ĉe la Blua Maro sur la verda stepo. Mia amiko Pierre Berlot planas

grupigi francajn kunvojaĝontojn al Tibeto, kaj mi planas serĉi kelkajn kunvojaĝontojn al Ĉinghaj-provinco por viziti la gentojn sur la altebenaĵo. Ĉio ĉi dependas de konkretaj agadoj kaj kunlaboro el aliaj landoj. Fine mi devas elkore danki al mia kara amiko kaj samideano d-ro Pierre Berlot, kiu pagis mian vojaĝ-koston. Mi deziras al vi bonan sanon! Mi ankaŭ dankas al li kaj samideanoj pro la sincera helpo. Mi deziras, ke en la refoja renkontiĝo en 1994 pli brilu la kolora stelo sur la monda firsto (tie nia movado kun diversaj gentecoj similas kiel la kolora stelo).

*La ĝemela stelo ĉe la Flava Rivero*

En oktobro por la Transnacia Renkontiĝo de SAT en la venonta jaro mi trejnis laŭ la Flava Rivero preter la urbo Luoyang al la urbo Zhengzhou, oriente 511 km for de Xi'an. Mi bone konas la lokajn esperantistojn. Mi loĝis ĉe s-ano Ma Hajbin, kies gepatroj estas tre intimaj gastigi esperantistojn. Zhengzhou estas la ĉefurbo de Henan-provinco kun apenaŭ cent milionoj da loĝantoj. Ĝi estas la plej grava centro de la ĉina fervojo. En la urbo nia movado estas normala, sed lastjare ne okazis Esperanto-kurso. La plej junaj aktivuloj estas s-anoj Kong Lej kaj Ma Hajbin. Kompreneble ankaŭ kelkaj maljunaj esperantistoj ankoraŭ laboras por nia afero. Ĝenerale kiel aliaj lokaj samideanoj tra Ĉinio ili ne havas vastan kontakton kun eksterlanda Esperantujo, kaj ne havas konkretan agadon, kvankam ili ja sentas la neceson.

Mia restado en Zhengzhou estis tre streĉa. Mi devas danki al ilia kunlaboremo. Poste en la veninta vespero mi aŭtobusis orienten 152 km al la urbo Luoyang. Mi atingis ĝin jam nokte, kaj facile trovis trajnon al Xi'an kaj tiel al mi mankis kontakto kun lokaj esperantistoj. Sed mi bone konas la movadon en la urbo. Kun la lokaj gesamideanoj mi kunlaboris kelkfoje por miaj aranĝoj je Esperanto-karavanoj. La urbo estas fama turisma loko kun abundaj historiaĵoj, kaj lastjare moderniĝas tre rapide. Bedaŭrinde en la urbo mankas spertaj esperantistoj. Same kiel aliaj aktivuloj tra ĉinaj turismaj urboj ili ĉiam varme bonvenigu fremdajn esperantistojn, kaj senpacience atendu alvenon de Esperanto-karavanoj. Jen la ĉefaj aktivuloj nuntempe estas prof. Wang Li, kaj s-roj Ji Feng kaj Cao Rujming.

Laŭ mi la ĝemela urbo ĉe la Flava Rivero estas grava por la ĉina Esperanto-movado, ĉar ili situas je centro de la ĉina trafiko, kaj apenaŭ cent milionoj da loĝantoj vivas en la regiono. Antaŭ jaroj semis multe niaj sam'deanoj en la provinco, kaj nun la ĝermiĝintaj semoj tra la provinco, kiel en la plej ĉefaj du urboj Zhengzhou kaj Lupyang havas plikreskigadon por la ĝermoj. Mi esperu, ke la movado en la du urboj kiel la ĝemela stelo ĉe la Flava Rivero brilos en la regiono kun cent milionoj da anoj.

*La brila stelo en la agronomujo*

En la fino de oktobro por Esperanta kunlaboro mi ankaŭ vizitis la agronomian urbon

Yangling okcidente 90 km for de Xi'an. Yangling ne estas granda, sed al la ĉina esperantistaro ĝi estas fama pro du kaŭzoj: Naskiĝhejmo de la ĉina Dio agrokultura kaj brila praktikado de Esperanto en la scienco.

Kompreneble mi havas tre intiman rilaton kun tieaj esperantistoj, ĝustadire nia movado en la urbo estas ĉefe en la Agrikultura Universitato de la Nordokcidenta Ĉinio. La iniciatanto estas la mondfama entomologo kaj esperantisto Zhou Yao, kiu jam energie bataladis pli ol 60 jarojn por nia movado. Ĉirkaŭ li estas kelkaj geesperantistoj, kiuj okupiĝas ĉefe pri la esplorado kaj eldonado de la fakaj verkoj kaj revuo, kompreneble en Esperanto. Plej ĝustadire nia movado aktivas en la domego "Entomologia Muzeo", kie estas ilia laboratorio kaj oficejo de la loka Esperanto-Asocio. Antaŭ jaroj kiam la entuziasma samideano Wang Siming studis ĉi tie, okazis multaj Esperanto-kursoj por la studentoj, kiuj nun laboras tra la nordokcidenta Ĉinio. Nun ne okazas Esperanto-kurso, kaj mankas junaj aktivuloj. Unu juna oficisto Yang Zongwu prizorgas aferon de la Esperanto-Asocio. Li estas tre sincera samideano, sed ne havas agemon. Li atendas kunlaboron kaj viziton. Jes, mi diskutis kun li pri mia ideo en la ĉina kamparo. Ĉar laŭ mia programo vizitinda estos la entomologia muzeo kun tiom diversaj specimenoj de la ĉarmaj insektoj, kaj ankaŭ interesa kunsido kun famaj entomologoj...

Ho, mi ne havis liberan tempon daŭrigi la restadon. En la veninta tago mi reveturis al nia urbo Xi'an kunportante librojn donacitajn de la veterano Zhou Yao, kiu ĉiam kuraĝigas la junajn esperantistojn kiel min preni Esperanton kiel la seriozan aferon. Mi gratulas al la Esperanto-agronomoj rimarkindan sukceson kaj grandan kontribuon por Esperanto en la scienco. Mi esperu, ke la brila stelo verdigos la agronomujon...

*(Wang Tianyi/Xi' an Esperanto-Asocio, Xiyinglu 74 hao, CN-710054 Xi' an, Ĉinio)*

***(red.) adresoj de la koncernaj personoj:***

*Hu Guopeng/ Jingchuan-xin, Caizhen Ju, Gansu CN-744300, Ĉinio*

*Huang Yenbao/ Jingchuan Xian Kewel, Gansu CN-744300, Ĉinio*

***(red. Ni ne povis trovi aliajn en nia adresaro. Bonvolu skribi ankaŭ adreson de la koncernaj personoj, por ke legantoj facile povu havi rektan kontakton.)***

## 2.4 '93 Simpozio de Henan-a Esperanto-Asocio, Ĉinio

En la 22a de aŭgusto, '93 Simpozio de Henan-a Esperanto-Asocio okazis en la urbo Linxiang de Henan. Ministro pri la agit-pentraĵo s-ino Ru Yingge, subministro s-ro Wang Dingbang, la prezidanto de la Scienco-Teknika Asocio s-ro Hanshuiyi, ĝenerala sekretario s-ro Xia Yuming ĉeestis laŭ la peto.

Ĉirkaŭ 75 personoj ĉeestis la simpozion. Ili estas: la prezidanto de Esperanto-Asocio Zhang Haoguang, ĝenerala sekretario Guo Xizhao, subĝenerala sekretario Han Daozhu, la prezidanto de Xinxiang-a Esperanto-Asocio Liu Jiaho ktp.

S-ino Ru Yingge diris, ke ni devas propagandi por igi multajn homojn lerni Esperanton. S-ro Han Daozhu funkciigis Esperanto-kurson por infanoj en libertempo. En la simpozio infanoj salutis, kantis kaj dancis per Esperanto. Ni havis oratoran konkurson. La temo estis "Mi amas la Flavan Riveron". Ni interŝanĝis sciencan disertaĵon. S-ro Zhang Haoguang, Wang Li kaj Han Daozhu publikigis sciigon de internacia ekonomia komerco. Nia asocio volas konduki amikan kunlaboron kun ĉiuj landoj.

*(Han Daozhu/ 755 Zhong Xue, urbo Xinxing CN-453069, Henan, Ĉinio)*

## 2.5 Kurso por kuracistoj, Vjetnamio

En la 4a de decembro 1993 unu fundamenta kurso estis malfermita por 20 kuracistoj en la "Instituto de Nacia Medicino". Inter pli ol 20 gelernantoj partoprenis unu doktoro, unu medicino-agregaciulo, 2 vicdirektoroj de la "Faka Lernejo", unu orienta kuracisto, unu sekcioestro, ktp. Gvidas la kurson doktoro de lingvo NGUYÈÑ QUANG, profesoro NGUYÈÑ VÁN DIÉN kaj kelkaj aliaj malnovaj esperantistoj. La kurso celas disvastigi la internacian lingvon, samtempe prepari por akcepti doktoron Masayuki Saionji Saiki venonta de Tokio en 1994.

La kunsido funkcias regule 2 fojojn semajne ĉe NGUYÈÑ BINH KHIÈM strato (en Hanojo), oficejo de la Instituto.

*(NGUYÈÑ VÁN DIÉN /6 Vong Duc, Hanojo, Vjetnamio)*

## 2.6 Aktivas ĉinaj junuloj

De la 3-a ĝis la 4-a de decembro 1993, kunsidis en Pekino de Ĉinio pli ol 20 junaj esperantistoj el Pekino, Tianjin, Chengde, Tangshan kaj Handan. Partoprenis ankaŭ f-ino Sabira STÄHLBERG, vicprezidanto de TEJO.

En la kunsido, s-ro Yu Tao, prezidanto de Ĉina Junulara Esperanto-Asocio, faris enkondukan parolon, poste la ĉeestantaj junuloj diskutis pri la temo: nova etapo de ĉina junulara E-movado. Post la diskutado oni atingis komunajn opiniojn en jenaj punktoj: plimultigi membrojn de JEA; starigi kontakto-reton de junaj aktivuloj en la tuta lando; kontakti kun alilandaj junuloj kaj E-junularaj organizaĵoj; okazigi esperantistan kunvenon de kelkaj najbaraj provincoj; pli-altigi la lingvonivelon de ĉinaj junaj esperantistoj.

Krome oni ĝuis amuzan vesperon, kiu daŭris ĝis profunda nokto.

La kusido finiĝis kun sukcesoj.

*(Yu Tao: ĉe EL POPOLA ĈINIO, P.O. Kesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio)*

## 3. *Informoj*

### *3.1 La 4a Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto*

dato: 1994-07-10~17

loko: Pekino

ĉefa temo: Scienco, Tekniko kaj Nova Jarcento

ĉefa enhavo:

1. Diskutado pri la nova koncepto, nova metodo kaj novaj sukcesoj de matematiko, fiziko, kemio, astronomio, geoscienco, biologio kaj medicino.
2. Diversaj aktivecoj de kulturo, arto kaj komerco, inkluzive ekspozicion de ĉinaj akiroj en la kampo de scienco kaj tekniko dum la 15 jaroj depost la reformo kaj malfermo en Ĉinio, ekspozadon, prijuĝon kaj vendon de famaj, specialaj kaj bonkvalitaj produktaĵoj, transigon de praktikaj teknikoj, intertraktadojn pri investado, ktp.
3. Labor-lingvoj: Esperanto, la angla lingvo kaj la ĉina lingvo.
4. Detaloj: petu de Sciencista-Teknikista Esperanto-Asocio en la Ĉina Akademio de Sciencoj/ 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio. telekso: 22474 ASCHI CN. fakso: 00861-851 1095

### *3.2 Ĉina ŝako kun Esperanta klarigo*

Se vi volas ludi ĉinan ŝakon kun Esperanta klarigo, petu informon de: s-ro Dian Ewen, Chengdu Dianqichang SC, CN-610083, Ĉinio

### *3.3 Turisme vojaĝu al Mongolio!*

Mongola Turista Korporacio ekde 1993 decidis akcepti Esperanto-turistojn aŭ turistojn kun Esperanto-interpretisto. Turismaj organizaĵoj de la mondo kaj vojaĝo-dezirantoj rekte kontaktu per Tlx 232 JULN MH, Tlx 79318 JULN MH kun korporacio, aŭ laŭ la adreso: Ŝ. Jansanĝav/ P.O. 21/797, Ulanbatro, Mongolio.

Ankaŭ petu turisman prospekton kun Esperanta aldonaĵo. Por tio sendu 3 irk. al la adreso.

## 4. *Kiel atingi UKon en Seulo? (SO Gilsu)*

Mi havas du celojn verki tiun ĉi artikolon: Unue partoprenontoj havu plej novajn informojn pri malmultekosta veturado; due tiuj, kiuj havas tempon, survoje vizitu lokajn Esperanto-klubojn kaj esperantistojn, per kio ili povas helpi lokajn Esperanto-movadojn, mem spertiĝi je la lingvo kaj la movado, kaj amikiĝi kun lokaj aktivuloj.

## *4.1 Kiel atingi Seulon de Ĉinujo?*

4.11 Per aviadilo: Ĝi ne estas rekomendinda, se temas pri la kosto. Flugoj inter Seulo kaj ĉinaj urboj, Ŝanhajo kaj Tianjin funkcias preskaŭ ĉiutage fare de Korea aŭ Ĉina Aviadkompanioj.

| Ŝanhajo — Seulo | Seulo — Ŝanhajo |
|---|---|
| KE6145 (lun. mer. sab.) | KE6135 (lun. mer. sab.) |
| 12:30 ——15:20 | 09:00 —— 10:00 |
| MU541 (mar. ven. dim.) | MU542 (mar. ven. dim.) |
| 09:40 ——12:20 | 13:30—— 14:10 |

* *Ŝanhaja Esperanto-Asocio/ CN-200020 Shanghai, Huaihai Zhonlu 622-7/ tel. (021) 327 1170. x 2246. telefakso: (021) 327 2894. hejmo de la ĝenerala sekretario, s-ro Wang Minhao: 311 2505*

| Tianjin —— Seulo | Seulo —— Tianjin |
|---|---|
| OZ3165 (mar. ĵaŭ., ven. dim.) | OZ3155(mar. ĵaŭ. ven. dim.) |
| 13:00 ——— 17:00 | 09:00 ——— 11:30 |
| CA131 (merk. sab. dim.) | CA132(merk. sab. dim.) |
| 09:30 ——— 13:30 | 14:30 —— 16:30 |

* *Tianjin Esperanto-Asocio/ CN-300020 Tainjin P.O. Kesto 207. prezidanto, s-ro Gao Cheng-yuan tel. (022) 340937 (h)*

| | | |
|---|---|---|
| *flugkosto:* | Seulo – Ŝanhajo: | 250 US$ (iroreveno 500 US$) |
| | Seulo – Tianjin: | 330 US$ (iroreveno 660 US$) |

* Oni ne povas trovi rabatitan bileton pro la deviga regulo de Ĉinujo.

4.12 Per ŝipo (aĉeti malmalmultekostan bileton estas terure malfacile, kaj vi sufiĉe frue mendu tion, aŭ komisiu al iu Esperanto-organizo. Espereble iu Esperanto-organizo iniciatu la aferon.)

4.121 de Tianjin (en ĉiu 5a tago)

Tianjin (10:00) unutaga tranokto — Inchon (15:00)
en ĉiu 5a, 10a, 15a, 20a, 25a, 30a tagoj de ĉiu monato
* oni devas surŝipiĝi du horojn antaŭ la ekvojaĝo.

Inchon (14:00) unutaga tranokto — Tianjin (19:00)
en ĉiu 2a, 7a, 12a, 17a, 22a, 27a tagoj de ĉiu monato
*giĉeto malfermata de 09:00 ĝis 12:00

*TARIFO DE VOJAĜKOSTO*

| | | | |
|---|---|---|---|
| VIP-ĉambro: | 250 US$ | 2B-1: | 145 US$ |
| 1-a klasa: | 210 US$ | 2B-2: | 135 US$ |
| 2-a (1): | 210 US$ | 2C: | 125 US$ |
| 2-a (2): | 155 US$ | 2D: | 100 US$ |

*oficejoj: Tianjin (86-22)310567, 342288 x8129, 8104. telefakkso: (86-22)310591*

*Seulo (82-2) 517-8671 ~8, telefakso: (82-2) 517-8679*

4.122 de Weihai (Shandong-Provinco)

Weihai (17:00) - tranokto —— Inchon (08:30)

en ĉiu merkredo kaj vendreso

Inchon (17:30) - tranokto —— Weihai (08:00)

en ĉiu mardo kaj ĵaŭdo

**s-ro JR Abood, aŭstraliano: International Relations Department, Yantai University, Yantai, Shandong Province, CN-264005/ tel.: (0535)248995 x 324, telefakso (0535) 248358*

4.123 de Ĉing-dao (Qingdao)

Ĉingdao (11:00) - tranokto —— Inchon (08:30)

en ĉiu lundo

Inchon (17:30) - tranokto —— Ĉingdao (14:00)

en ĉiu sabato

***TARIFO DE VOJAĜKOSTO (kosto de Ĉingdao kaj Weihai samas)***

| | |
|---|---|
| reĝa ĉambrego: | 500 US$ |
| reĝa ĉambreto: | 200 US$ |
| speciala: | 170 US$ |
| 1-a klasa: | 130 US$ |
| 2-a klasa: | 100 US$ |

**** Kiel iri al la kongresejo?***

De la haveno iru al la stacidomo Dong-Inchon (Orienta Inchon), kie prenu ajnan trajnon, ĉar ĝi estas la fina stacidomo, kaj veturu ĝis la stacidomo Shindorim (ĉirkaŭ 40 minutoj). Tie iru subteran etaĝon kaj ŝanĝu al la 2a linio (verda koloro). La 2a linio estas cirkulanta linio (sur la vagono estas skribite en la angla lingvo "circulation"), kaj vi mem neniam perdiĝos, kiam vi estos preta perdi nur tempon. La numero de la stacidomo Shindorim estas 34, kaj veturu ĝis la stacidomo Kang-byon (numero 14). De la stacidomo Kang-byon, la hotelo Sheraton (kongresejo) promesas funkciigi aŭtobuson, aŭ vi povas uzi taksion, kaj diru "Sheraton Walker Hill".

## 4.2 Kiel atingi Ĉinujon?

4.21 de Hanojo, Vjetnamio

* trajnonumero 6 (kiam mi estis en Ĉinujo, la trajno ankoraŭ ne funkciis ĝis junio, kaj vojaĝontoj kontrolu, ĉu ĝi jam funkcias. Tiu ĉi horaro estis elĉerpita el ĉina horaro valida ĝis 1994)

  Hanojo (23:00) —— Nanling, Ĉinujo (16:20/ 18:49) —— Changsha (11:30/ 11:42) —— Wuhan (17:23/ 17:35) —— Pekino (09:14)

* trajnnumero 5

  Pekino (23:27) —— Wuhan (14:47/ 14:59) —— Changsha (20:44/ 20:56) ——Nanling (12:45 / 15:40) —— Hanojo (07:00)

* ***veturkosto inter Pekino kaj Nanling:*** Se vi aĉetas bileton ĝis Pekino por internacia trajno, ĝenerale pli multe kostas, kaj konsideru aĉeti nur inter landlimaj urboj, kaj poste aĉetu enlandan bileton. Sed vi devas scii, ke estas terure malfacile aĉeti bileton en Ĉinujo, se ĉina samideano ne helpas. Jen nur por via referenco.

  mola seĝo: 118 ~144 juanoj (laŭ la gradoj de trajno)

  malmola lito: 157 ~208 juanoj

  mola lito: 341 ~ 428 juanoj

* La kosto estas por ĉinoj, sed en Ĉinujo eksterlandanoj pagas duoble.

* *kontaktadresoj*

  *— Hubei Esperanto-Asocio/ p/a ĝenerala sekretario s-ro Peng Zhengmin: 301 Dong, Meiyuanxiaoqu Fujiapo, Wuchang, Wuhan, CN-430070, Ĉinujo. tel. (027) 872 113*

  *— Guangxi Esperanto-Asocio / p/a s-ro Wei Xiaohong , CN-530001, Nanling, Shangye Jigong Xuexiao*

4.22 de Taŝkento kaj Alma Ata

* trajnnumero 14 (ĉiun lundon ekiro de Alma Ata, merkredon alveno al Urumĉi)

  Taŝkento (16:20) —— Alma Ata (13:00/ 18:45) —— Urumĉi (09:30)

  Urumĉi (16:49) — 2-taga tranokto — Lanzhou (08:05 / 08:18) — 1-taga tranokto — Xian (21:32/ 21:47) —— Pekino (14:40)

* trajnnumero 13 (ĉiun sabaton de Urumĉi, ĉiun lundon al Alma Ata)

  Pekino (21:24) ——Xian (14:10/14:22) —— Urumĉi (17:41)

  Urumĉi (23:00) — Alma Ata (04:30/08:45) ——Taŝkento (05:25)

* ***veturkosto inter Urumĉi kaj Pekino***

  mola seĝo: 160~196 juanoj

  malmola lito: 157~208 juanoj

  mola lito : 341 ~428 juanoj

* *Xin-jiang Esperanto-Asocio/ CN-830011, Xin-jiang, Urumqi, Tianjin Beilu 2 hao,*
• *kandidatoj de delegito: s-ro Liu Xiaozhe, tel. (0991) 211523 (ofica), s-ro Ahanov Ŝadman, tel. (0991) 228502 (ofica)*
• *Gansu-Esperanto-Asocio/ p/a s-ro Lu Wanyi, CN-730060, Lanzhoushi, Lanhua 302, Chang Jiliangzhan/ kandidato de delegito: s-ro Zhang Fude, tel. (0931) 8821727 (ofica)*
• *Xian Esperanto-Asocio/ p/a ĝenerala sekretario , s-ro Ŝang Tian-ĝi: CN-710054, Xian, Xiyinglu 74 hao. tel. (029) 784766, telefakso +86-29-33 95 89 aŭ 71 38 97*

4.23 de Pakistano

* Funkcias aŭtobuso de Pakistano ĝis Kashgar, Ĉinujo. Mi ankoraŭ ne esploras detalojn, sed pakistananoj povas utiligi la vojon. De Kashgar ĝis Urumĉi oni povas uzi aŭtobuson. La silka vojo estas tre malproksima sed aventurodona, kaj mi rekomendas la vojon al tiuj, kiuj havas tempon kaj emas aventuri.

4.24 de Irkutsk, Rusio, kaj Ulan Bator, Mongolio

* Ruslanda Esperanto-Asocio planas okazigi "Eŭropo-Azio '94" dum 15a ~ 21a de julio, kaj post la Renkonto oni intencas veturi per vagonaro al Ĥabarovsk kaj flugi al Seula UK. Laŭ mia kontrolo ĝi tamen havas problemon, ĉar flugo inter Ĥabarovsk kaj Seulo estas nur unu fojon en ĵaŭdo, kiu estas jam 21a de julio (sed oni bezonas minimume 2 tagojn por trajna veturado). Se iu planas vojaĝi tra Ulan Bator kaj Pekino per trajno, al tiu mankas ankoraŭ pli da tempo.

Irkutsk (03:51) —— Ulan Bator (09:00/ 09:30) —— Pekino (15:33)

* La trajno tamen alvenas al Pekino nur en lundo, semajne unu fojon.
* *S-ro Ŝ. Jansanĝav: P.O. 21-797 Ulanbator, Mongolio. tel. 60163 (hejma)*
*s-ro Badraĉ: p.b. 422, C.P.P. 210613 Ulanbator, Mongolio. tel. 23767 (hejma)*

4.25 de Vladivostoko, Rusio

• Vladivostoko (19:05) —— Suifenhe, Ĉinujo (09:11/ 18:51) —— Harbin-Dong (05;40)
• Harbin-Dong(09:34) —— Tianjin (05:33)
• Harbin (29:44) —— Vladivostoko (21:21)
• Tianjin (19:30) —— Harbin (15:06)

* s-ro Yu Dequan, kiu ofte vizitis tien, informis min pri la veturkosto: unudirekta veturado inter Harbino kaj Vladivostoko per eksterlandano: 46 US$
* Inter Ulan Bator kaj Pekino troviĝas ankoraŭ pli da trajnoj.

## 4.3 Kiel atingi de Japanujo, kaj kiel vojaĝi al Japanio?

4.31 ŝipo inter Haktata, Japanujo kaj Busan, Koreujo (ĉiutage)

Beatlez 102: Busan (14:00) —— Hakata (16:55)

Beatlez 101: Hakata (10:00) —— Busan (12:55)

*vojaĝkosto:*

unudirekto: 62 US$ (en Japanujo 12400 enoj)

iroreveno: 124 US$ (en Japanujo 21500 enoj)

*oficejoj:

| | |
|---|---|
| Hakata Haveno: | (092) 281-2351 |
| Busan: | (051)465-6111 |
| Seulo: | (02)753-6661 |

4.32 bileto komune uzebla en Koreujo kaj Japanujo

| *celo de Seulo* | *per pramŝipo al Simonoseki* | *per jetŝipo al Hakata* |
|---|---|---|
| Kokura | 50,500 (koreaj) ŭonoj | 70,800 ŭonoj |
| Hakata | 58,700 | |
| Oita | 69,800 | 88,300 |
| Nagasaki | 82,500 | 84,200 |
| Hirosima | 87,200 | 105,900 |
| Okayama | 104,400 | 124,700 |
| Kobe | 120,000 | 136,200 |
| Oosaka | 121,700 | 138,700 |
| Tokio | 197,300 | |

**rimarkoj:*

1) La tarifo validas en la fino de 1993, kaj laŭ la altiĝo de tarifo aŭ kurzo ĝi ŝanĝiĝas.
2) La kosto kovras tuton de la trajno kaj ŝipo.
3) La bileto validas dum unu semajno, kaj en Japanujo oni povas halti du-foje.
4) En Koreujo oni povas aĉeti la bileton irorevenan.

4.33 JR(Japana Fervoja) Karto

| | green (1-a klasa) | ordinara |
|---|---|---|
| 7 tagoj | 37,000 (japanaj) enoj | 27,800 enoj |
| 14 tagoj | 60,000 | 44,200 |
| 21 tagoj | 78,000 | 56,600 |

**rimarkoj:*

1) Dum la periodo oni povas libere uzi ĉiujn trajnojn de Japana Fervojo (JR).
2) Oni povas uzi trajnon "Narita Ekspreso" por iri al la flughaveno Narita.
3) Infanoj (6~11 jaraj) pagas duonon.

# 5. Historio

## 5.1 Kamboĝo (Horst Gruner)

Kamboĝo ĵus spertis unuan liberan balotadon, UN-organizitan, kaj ankoraŭ ne tute

seniĝis milito pli ol 20-jara. Kamboĝo estis arda eta angulo en la tutmonda malvarma milito. La milito kripligis landon, homojn, mensojn, mortigis pli ol trionon de la malgranda popolo, ĝi detruis civilizacion kaj esperojn pri normala vivo.

La planteto Esperanto kreskas en tiaj kondiĉoj iom aventure. Ia semo de la lingvo ekzistis jam antaŭ la dezertigaj jaroj de la ruĝkmeroj, 1975-78. Pri tio atestas maldika Esperanta-Kmera vortaro eldonita en Hungario. En la lando mem tamen ĉio perdiĝis. Dum la okdekaj jaroj kelkaj kamboĝaj studentoj konatiĝis kun Esperanto dum studoj en najbara Vjetnamio, Hoĉimin-urbo. Tie s-ro Chân-L´y Ngô instruis s-ron Chhim Sokha, kiu siavice komencis instruadon en Pnompeno en la jaro 1990. En aŭgusto 1992, hazarde ĝuste kiam elĉerpiĝis la en Vjetnamio presita stoko da lernolibroj, venis al Pnompeno UEA-membro, s-ro Horst Gruner, sendita de la Germana Diplomata Servo. La germana ambasado dufoje semajne iĝis lernejo por grupo da inter 10-20 junuloj, la hejmo de s-ro Gruner iĝis laborejo por kelkaj progresintoj.

Je la fino de sia kurso, la lernantoj studis la tekston de la filmo "Bonvenon al Bjalistoko". Ĉar tiu filmo montras aspektojn de pola kulturo, historio kaj nuna vivo, la pola ambasadoro, s-ro Krzysztof Kocel, ofertis inviti por la videoprezentado al sia hejmo, kadre de pola kultura agado.

Samtempe progresis penoj starigi asocion. Statuto estis ellaborita, petletero al la ŝtatestro princo Norodom Sihanouk (prononcu: Sihanuk) ricevis favoran respondon: kvazaŭ en la lasta minuto antaŭ la filmprezentado li permesis starigon de Esperanto-asocio kaj ebligis ke filmprezentado kaj fondoceremonio okazu samtempe.

Anekdoto okazis ĉirkaŭ la nomo de la nova asocio, pli precize, pri la landnomo. En Esperanto uzatas la nomoj Kamboĝo, Kampuĉio, kaj akademie, Kampuĉeo. Post diskutado kaj konsultado ankaŭ ĉe akademianoj, estis decidite, ke "Kamboĝo" plej bonas pro internacieco, kvankam "Kampuĉio" pli proksimas al la kmerlingva prononco. Tamen, post plua pripensado pri la publika efiko de tia nomo sur ŝildo ĉe la renkontiĝejo aŭ sur leterpapero, la ĉapelo sur la "ĝ" kaŭzis malkomforton. Iuj kamboĝanoj povus miskompreni tian nomon kiel Vjetnam-lingvan. Vjetnamio estas konsiderata agresinto kaj forte malamata nun en Kamboĝo. Ne saĝas publike sin ŝajnigi Vjetnam-proksima. Solvo estis simpla: anstataŭ ĉapelon oni metis simbolon de Angkor Wat sur la "g". Angkor Wat estas fama templo kaj nacia simbolo. La Esperanta nomo saviĝis, sed ĝi naciiĝis.

La nova asocio havos kelkdekon da junaj, foje entuziasmaj sed lingve ankoraŭ ne spertaj membroj. Ĝi havos lernolibron kaj iom da Esperanto-literaturo. Du kamboĝanoj, s-ro Chhim Sokha kaj prof. Sok Samnag, kapablas kaj pretas instrui. S-ro Chhim Sokha ellaboradas Esperanta-Kmeran vortaron. Ili havos eksterlandajn gastojn en granda kvanto estonte, kiam la landa situacio normaliĝos. Jam venis kelkaj esperantistoj al Kamboĝo. La lando estas turisme interesa kun plej tipa kaj originala hindo-ĉina kulturo, kun mond-miraklaj temploj de la Angkor-civilizacio.

Sed restas malfaciloj kaj problemoj: Multaj junuloj eklernis kaj rapide ĉesigis lernadon, ĉar la gajno por ili ne evidentas. Gravas al la homoj plej tujaj materiaj gajnoj, kaj la konkurenco de la angla kaj franca lingvoj estas pli forta ol aliloke. Necesus ankoraŭ pli da eksterlandaj spertitaj instruistoj por plibonigi la nivelon de lernantoj kaj instruistoj. Se troviĝus pola instruisto, tiu povus eĉ loĝi en la pola ambasado, laŭ promeso de la ambasadoro, kiu cetere pretas ligi kontaktojn inter polaj kaj kamboĝaj esperantistoj.

Por finpretigi la vortaron, al ili tre utilus komputilo. Kiu povas helpi? Donaco certe estus taŭge utiligata.

Bonvenaj estus ĉiaspecaj donacetoj kaj precipe salutkartoj, ankaŭ koresponddeziroj el aliaj landoj.

La adreso de la asocio estas: Kamboĝa Esperanto-Asocio, s-ro Chhim Sokha, B 17/8, Krom 3, Soviet Street, Sangkat Sras Chork, Khan Doun Penh, Phnom Penh, Kamboĝo

## *5.2 Nepalo (Gamvir Man Sresta)*

La Esperanto-movado en Nepalo komenciĝis kun la alveno de s-ro Tibor Sekelj en Katmanduo. Tiam multaj homoj ĉeestis kaj aŭskultis lian prelegon pri Esperanto kaj Esperanto-movado en la mondo. Ankaŭ la fama poeto, dramisto, teatristo Balakriŝna Sama kaj la fama poeto Lakŝmi Prasad Devkota ricevis lecionojn de Esperanto kun li. Bedaŭrinde mi devis forlasi la kurson post la dua aŭ tria leciono pro mia malsaneco kaj ĉi tiu ĉeso disigis min de Esperanto ĝis 1970, kiam mi hazarde renkontiĝis kun f-ino Hilda Tharme de Bangor, Kimrujo en Britujo. Inkluzive ŝin la personoj, kiuj gvidis min, altiris enpuŝis min al Esperantujo. Ili estis d-ro V. Sadler (iama ĝenerala direktoro de UEA), s-ro Hattori (japano), s-ino Kikuŝima(japanino), s-ino Audibine (francino, kiu restis en Hindio por longa tempo, vizitis ankaŭ Nepalon kaj instruis Esperanton al gejunuloj en Katmanduo, uzante rektan metodon), prof. Morita Mosuke (japana inĝeniero pri arkitekturo en Hosei Universitato) kaj lia edzino Morita Yoko. Ili kaj diversaj landaj organizaĵoj kaj personoj estis la fonto de inspiro por la Esperanto-movado en Nepalo.

Ankoraŭ nun nepalaj gravuloj havas grandan emocion pri Esperanto: D-ro Dilli Raman Regmi, fama monde konata historiisto de Nepalo (iama ministro pri fremdaj aferoj de Nepalo) skribas, ke Esperanto estas devigo por interkompreniĝo kaj paco. Simile, Khadgaman Singh Basnyat (iama ministro pri fremdaj kaj parlamenta aferoj) havas pozitivan sentimenton al Esperanto kaj donacis monon por publikigi mian nepallingvan tradukon de "Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo" por Jogambara Instituto de Esperanto.

Nia movado principe estas okazigi Esperanto-kursojn, celebri morttagon kaj naskiĝotagon de Zamenhof kaj Pac-tagon, publikigi artikolon pri Esperanto kaj Esperanto-movado de diversaj landoj en diversaj gazetoj kaj ĵurnaloj, disaŭdigi kelkfoje pri Esperanto en eduka programero de radio Nepalo, regule eldoni bultenon en Esperanto, fari

korespondan kurson, kolekti poŝtmarkojn, renkontiĝi kun fremdlandaj esperantistoj, aranĝi renkontiĝon kun ili kaj ĵurnalistoj, organizi iliajn prelegojn.

En 1987, unuafoje en la historio de la nepala parlamento ĝia membro demandis la registaron pri Esperanto.

La bulteno kaj la koresponda kurso estis kondukita kun la kunlaboro de Unesko-Klubo por Esperanto kaj Jogambara Instituto de Esperanto.

La organizaĵoj, kiuj aperis en la areno de Esperanto en Nepalo estas Esperanto-Societo de Katmandu, Unesko-Klubo por Esperanto, Jogambara Instituto de Esperanto kaj Nepala Esperanto-Asocio.

# 6. *Opinioj*

## *6.1* Esperanto-Movado en Koreio kaj Azio

## *Kio post la UK?*

*Joel Brozovsky, Japanio*

### *Azio bezonas modestan regionan renkontiĝon*

Ekzistas nur unu ĉiujara internacia Esperanto-evento en orienta Azio. Tio estas la *Komuna Seminario inter Korea kaj Japana Junularoj* (KS). La KS estas iusenca modelo por plua agado en la regiono.

Ĝi faras tre valoran kontribuon, donante al junuloj malmultekostan, facile atingeblan okazon efektive praktiki la lingvon kaj sperti la internacian interamikigan etoson de Esperantio. Sen tia ebleco, verŝajne multe pli da kursfinintoj forlasus la movadon.

La KS tiom sukcesis, ke inter la eksjunuloj kiuj jam spertis ĝin, kiuj helpis lanĉi ĝin, troviĝas tiuj kiuj nun sentas grandan mankon de pluaj tiaj ebloj. La KS ja celas junulojn. Kvankam ne ekzistas aĝlimo por partopreni, multaj eksjunuloj (prave) hezitas "invadi" ĝin. Ja, vere mankas tia eblo por eksjunuloj.

La ĉefa modelo por KS estis la IS — *Internacia Seminario* de GEJ (Germana Esperantista Junularo), kiu okazas ĉe la jarŝanĝo dum ok tagoj ĉiujare. La IS fariĝis tre sukcesa — eĉ tro sukcesa — dum sia dujardeka vivo. Ĝi okazas kutime en junularaj gastejoj, kiuj havas du-centojn da dormlokoj. Sed en la lastaj ses aŭ ok jaroj, pli ol ducent homoj volas partopreni ĉiujare. Kelkdekojn pluajn oni povas enŝovi, se ili tendumas en propraj tendoj (en vintro!) aŭ aliloke dormas, sed ankoraŭ pluaj deziras partopreni, kaj parto de la allogo estas tio ke ĉiuj restas en la sama loko kune, ne disiĝante vespere al

diversaj hoteloj kiel en UK.

Mi opinias ke la IS ankoraŭ povas esti utila modelo por ni en orienta Azio. Ĉar ankaŭ tie en Germanio (tio estas, en centra Eŭropo) leviĝis simila problemo kiel en orienta Azio. La homoj kiuj alkutimiĝis ĉiujare ĝui la *Internacian Seminarion* ne volis ĉesigi tion, nur ĉar ili fariĝis iom malpli junaj. Do, kvarono, eĉ triono de la partoprenantoj aĝis tro por esti membroj de TEJO. Ankaŭ en IS, ne ekzistas aĝlimo por partoprenantoj, sed, fronte al la problemoj de tro da aliĝoj, nature leviĝis la demando pri aĝlimo, aŭ pri prioritato (diskriminacio) laŭ aĝo. Ankaŭ mi partoprenis foje en tiaj diskutoj — mi apartenas al tiu sama "generacio" de eksjunuloj kiuj ankoraŭ ĝuegis la junulajn eventojn.

La solvo kiun oni finfine adoptis ŝajnas al mi tre utila modelo por alilokaj esperantistoj. Grupo da eksjunuloj decidis mem lanĉi paralelan eventon por mezaĝuloj (denove sen aĝlimo), kiu okazu samtempe kun la IS, kaj prefere relative proksime. Tiel dum iuj eventoj eblos kunigi la du grupojn, sed plejparte dum la semajno ili havu siajn proprajn programojn kaj proprajn ejojn.

Kreante la duan eventon, la organizantoj klopodas konservi multajn ecojn de IS kiuj grave kontribuas al ĝia sukceso; interalie la jenajn:

- Ĉiuj loĝu, manĝu, kaj tage umu kune en la sama ejo ("eta Esperantio"). Kompreneble tio ne malhelpas la eventualajn ekskursojn al aliaj lokoj.
- Ĝi estu malmultekosta, ebligante vastan partoprenon ĉiujaran sen tro da sinofero.
- Ĝi havu mikson de seriozaj kaj distraj programeroj, kun emfazo je aktiva partoprenado, ne nur pasiva aŭskultado.

Tamen, ankaŭ estas diferencoj, ĉar ĝi celas homojn iom pli aĝajn ol la IS. Do, ekzemple, la proporcioj de seriozaj kaj distraj programeroj povas ŝanĝiĝi, kaj oni aranĝas specialan prizorgon por junaj infanoj. Tio nepras por ebligi al gepatroj partopreni la eventon.

La Esperanto-movado en Eŭropo estas forta ĝuste ĉar ekzistas multaj malgrandaj kaj mezgrandaj renkontiĝoj kie oni povas facile kaj malmultekoste ĝui la Esperantan etoson kaj praktiki la lingvon. Pompa kongreso kia UK altiras multan atenton, kiu gravas precipe por la neesperantista mondo, sed ĝi ne tiom utilas por fortigi la movadon mem. La kosto troas — la plimulto el la homoj ne povas eĉ unu fojon partopreni ĝin, kaj se unufoje ĉeestas, jam ne restas mono por aliaj eventoj dum pluraj jaroj. Sed por fortigi la movadon, oni bezonas plurajn praktikeblojn.

En Japanio troviĝas tiom da flue parolantoj, ne rekte pro la okazigo de la UK, sed pro la tielnomataj "kunloĝadoj" kiuj okazas kelkfoje kaj kelkloke en ĉiu jaro. Tie oni povas sin ekzerci je interparolado en amika etoso dum kelkaj tagoj malmultekoste. Ankaŭ en Koreio ekzistas similaj kunloĝadoj. Tiuj tre gravas por trejni esperantistojn — por doni al ili la eblecon aŭskulti kaj paroli la lingvon. Sed ĝenerale oni ne povas multe praktiki la lingvon tie, ĉar preskaŭ ĉiuj estas samlingvanoj (samlandanoj). Do kvankam oni povas

lerni paroli la lingvon, oni ne spertas la frukton de tiu peno — oni ne realigas la kialon por lerni Esperanton. Por tio necesas regulaj malmultekostaj renkontiĝoj internaciaj.

Mi opinias ke la tempo venas por lanĉi regionan renkontiĝon kunlabore inter la esperantistoj de Japanio, Koreio, kaj Ĉinio. Ĝi estu atingebla al laŭeble plej multaj esperantistoj — ne nur delegitoj kaj aliaj elitoj. Do, nepre ĝi estu malmultekosta, kaj havu specialan prizorgon por junaj infanoj kaj beboj. Se tio montriĝos praktikebla, estus bone okazigi ĝin alterne en la tri landoj laŭvice, por dividi la organizan respondecon kaj doni al ĉiu la okazojn partopreni en sia hejmlando, kaj ankaŭ, alterne, renkonti kulturojn de la aliaj landoj respektive.

Espereble, dum la UK en Koreio oni povos kunsidi pri tiu ĉi temo kaj veni al ia interkonsento por lanĉi modestan regionan renkontiĝon.

## *6.2 Kelkaj problemoj kaj mia imago*

***Jiang Yuulin***

Laŭ mi, nuntempe ekzistas kelkaj gravaj problemoj en nia afero.

### *6.21 Ĉu movado aŭ aktivado?*

Ĝenerale, plejparta agado de esperantistaro estas nur aktivado, sed ne vera movado. Kial? Ĉar sen komandcentro, irante sian vojon, lokaj Esperanto-organizaĵoj ĉiam pravas, ĉu ili plenumis la rezoluciojn faritajn de la supra organizaĵo, aŭ ne. Kompreneble inter akademiaj organizaĵoj, tiu fenomeno estas normala, sed inter Esperanto-organizaĵoj, mi opinias, tio estas malracia. Esperanto-asocio estas alia; ĝi apartenas ne al akademio, sed al amas-movado. Bedaŭrinde, tion multaj el ni konfesas nur parole. Ĝuste pro tio, multe da agadoj aperis malfortaj. Tial ni nepre devas emfazi, ke aktivado ne egalas al movado. Estas grave, ke ni devas ellabori planojn kvin-jaran (aŭ tri-jaran) kaj dek-jaran komune plenumi, devas plivastigi ĉiujare nian trupon. Alie, kiel iru la movado bone? Kiel Esperanto fariĝu lingvo tutmonde uzata,?

### *6.22 Ne trovi trarompon*

Nun ni disvolvas la movadon nur per metodo flori ĉie, sed mankas ĉefa batalejo. Tial la efiko ĉiam estas ne tre bona. Estas necese kaj urĝe elekti kelkajn ĉefajn landojn kiel trarompojn. Ekzemple, ni traktu Ĉinion hommultan kaj Japanion fortan en ekonomio, kiel paron de avangardoj en Azio. Esperantistoj en la du landoj kune penege disvastigu kaj apliku Esperanton en ĉiuj kampoj. Samtempe, aliaj landoj en la mondo fortoplene subtenadu tion, tiel ke ili, kontaktante kun la du landoj, petu prezenti servon en Esperanto en la kampo de turismo, sporto, komerco ktp., por kaŭzi seriozan atenton de la registaroj. Sendube, post kelkaj jaroj kun persisto, tio influos grave. Sekve, tio plivastiĝos iom post

iom al pli da landoj. Sammotive, ankaŭ por lanĉi Esperanton en unu lando necesas kelkaj ĉeflokoj kiel tarompoj.

### 6.23 *Establi internacian korespondan aŭ radio-elsendan universitaton*

Tio estas grava paŝo, por ke Esperanto iru tra la mondo. La universitato estu sinteza, kie oni lernu en Esperanto studfakojn scienc-teknikan, financ-komercan, artan, literaturan ktp. La lernopago estu tre malmultekosta, eltenebla ordinare, sed la diplomo estu konfirmita internaciece kaj aŭtoritata.

### 6.24 *Klopodi por ke Unuiĝintaj Nacioj uzu Esperanton*

Aŭdinte, ke UN ne uzas Esperanton, oni malestimas tiun lingvon, kvankam returni tiun situacion estas malfacile, tamen evidente la signifo estas grandega. Ĉiuokaze ni devas preni tion kiel gravan taskon persiste ĝis la fino. Oni povas diri, ke paŝego de Esperanto dependas de la konduto de UN.

### 6.25 *Baraĵoj inter internacia komunikado ne forigitaj delonge*

Ne havante korespond-kuponon, oni ofte ne povas ricevi respondon. Ne havante valuton, ne eblas aliĝi al UEA kaj similaj, aĉeti eksterlandajn Esperantajn librojn kaj gazetojn. Evidente, ĉio ĉi multe malhelpas esperantistojn interkomuniki, limigas, eĉ malvastigas la kampon de Esperanto-movado. Se iuj helpus solvi tiujn malfaciajn problemojn!

*(Jiang Yunlin/ 1-404, Jinrong Shichang, Guangda Lu, 350004 Fuzhou, Ĉinio)*

# 7. Leteroj de legantoj

## 7.1 el Imo State, Niĝerio, 1993-09-20

Mi havis grandan plezuron skribi ĉi tiun leteron al vi, ricevinte la numerojn 10, 11, kaj 12 de via leginda bulteno "Esperanto en Azio".

La enhavo de via bulteno varmigis la korojn de niaj junaj sed talentaj samklubanoj kaj ankaŭ montris al ili la internaciecon de la Esperanto-movado.

Persone mi devas konfesi, ke mi estas kontenta pri la konstanta progreso de nia internacia lingvo en Azio, kaj pro tio mi volas tutkore danki la azianojn por iliaj senlacaj kaj netiriĝemaj laboroj por Esperanto en la kontinento.

Plaĉas al niaj grupanoj ankaŭ bonaj rilatoj de amikeco kaj korespondadoj kun samideanoj el Azio. Eble, vi sendos la

sekvontajn numerojn de via bulteno rekte al nia grupo.

Bonan kaj fruktdonan laboron por Esperanto mi deziras al vi.

*(Ezebingaya Charles. O. /Zamenhofa Esperanto-Grupo de Owerri/ P.O. Box 6490, Aladinma, Pwerri, Imo State, Nigeria)*

## 7.2 el Nanchang, Ĉinio, 1993-10-13

Mi volas esprimi mian elkoran dankon pro via elstara laboro koncerne de EeA, kiu alportas al mi plej novajn informojn pri Esperanto-movadaĵoj en Azio, kuraĝigante kaj instigante nin al pliaj agadoj. Ĝi vere fariĝis nia mensa manĝaĵo. Mi suĉas ĝian ĉiun vorton, kaj nun jam atendas aperon de ĝia nova numero. Por subteni vian laboron tiurilate ĉi tie mi sendas al vi mian raporton. Mi deziras al vi feliĉan novjaron kaj pli da sukcesoj en la jaro 1994.

*(Gu Jian-hua/20 Yang Ming Lu, Jiangxi Zhongyi Xueyuán, Nanchan 330006, Ĉinio)*

## 7.3 el Zalive, Togo, 1993-11-03

Mi ĵus ricevis la ekzempleron de via bela kaj enhavoriĉa bulteno. Mi dankas vin elkore pro via strebo por la plibonigo de la bulteno - ankoraŭ. Mi salutas la rapidan progreson de la Esperanto-movado en Azio. Mi admiras ankaŭ la sendependiĝon de ekonomia progreso de la plimulto da landoj de la regiono. Ankaŭ ni en Afriko, kaj precipe en Togo, deziregas iri laŭ viaj spuroj sed la ekonomia situacio malhelpas nian revon.

Kuraĝon kaj sukceson de la disvastigo de nia bela lingvo en Azio kaj de via bela bulteno.

*(Mansah B. Attiogbe- Agbemadon/ C.E.G. de Zalive, B.P. 134, Aneho, Togolando)*

## 7.4 el Pnompeno, Kamboĝo, 1993-11-09

Mi ricevis vian leteron, kiun vi sendis al mi en la fondiĝo de nia asocio. Mi tre ĝojas pro via gratulo al mi; mi dankegas al vi. Kaj pardonu min pro nia nerespondo tuja.

Mi konstruis la oficejon de nia asocio por kunveno de esperantistoj. Nun mi havas novan kurson kun 35 gelernantoj. Kaj mia lernanto, kiun mi instruis en 1991, nun havas alian kurson kun 30 gelernantoj. En la 14a de oktobro ni ekskursis al monto.

Nia asocio estas la rezulto de helpado de s-ro Horst Gruner (Germanio), s-ro Kocel, la pola ambasadoro en Pnompeno kaj aliaj.

Mi deziras havi fotokopimaŝinon. Bonvolu helpi min.

*(Chhim Sokha/ B17-8, Sahakpheap Soviet St. Sangkat Sras Chork, Khan Doun Penh, PNHOM PENH, Kamboĝo)*

## 7.5 el Náchod, Ĉeĥio, 1993-11-15

Estrino de la privata muzeo de poŝtkartoj volonte aranĝus ekspozicion de poŝtkartoj kun Esperantaj - temo, poŝtmarko aŭ stampo. Por helpi al ŝi kaj precipe por famigi Esperanton inter multaj vizitantoj de tiu muzeo, mi petas ĉiujn: sendu al mi karton/ kartojn/ rilatantajn iamaniere al Esperanto, novan aŭ malnovan, uzitan aŭ neuzitan. La unuan malgrandan ekspozicion de ricevotaj kartoj mi intencas aranĝi dum la 2a Mondkongreso de E-Handikapuloj en Kladno 1994-7-9/16(vd. p. 18 de n-ro 13). Anticipan dankon al ĉiuj donacontoj. Pri sukceso aŭ nesukceso mi informos sammaniere.

*(František Molîk/ Zákoutí 269, 547 01 Náchod- Novy Svêt, Ĉeĥio)*

## 7.6 el Somerset, Britio, 1993-11-15

Koran dankon pro via regula sendado de "EeA", kiun mi legas kun granda intereso, de la vidpunkto de eŭropano. Mi opinias, ke azianoj povus multe profiti en komerco kaj industrio, se iliaj registaroj kuraĝigus Esperanto-instruadon en siaj lernejoj, ĉar aziaj landoj povus pro tio facile komuniki inter si. Se Azio adaptus Esperanton kiel komunan helpingvon, tio kuraĝigus komercistojn kaj industriistojn en Eŭropo premi siajn registarojn starigi Esperanton enlerneje. Do, legantoj de "EeA", bonvolu skribi al viaj parlamentanoj por informi ilin pri la avantaĝoj de lingvo multe pli facile lernebla ol la angla, mia gepatra lingvo. Emfazu ke estis perforto kiu ŝajnigis la anglan alloga, sed Esperanto egaligas la homojn, ĉar ĝi dependas ne de perforto, sed logiko.

Mi sendas bondezirojn al ĉiuj esperantistoj, ĉie.

*(David R. Curtis/ 7. St. Jude's Terrace, Weston-Super-Mare, Somerset, BS22 8 HB, Britio)*

## 7.7 el Habano, Kubo, 1993-11-23

Saluton! Mi deziras danki vin pro ĉiu broŝuro de "EeA", kiu estas tre interesa kaj utila kun gravaj informoj. Vere vi vojiras tre bone. Sekvu tiel amikoj. Ĉion bonan! Feliĉan Novan Jaron 1994!

*(Santa Cruz del Norte,/ Apdo 6, CP-32900, La Habana, Kubo)*

## 7.8 el Shandong, Ĉinio, 1993-12-09

Ĉe la sojlo de la nova jaro, mi salutas vin pro via penema laboro. Mi tre dankas vin pro tio, ke mi regule ricevis la bultenon "EeA". Nun mi volas skribi iom por danki al novzelanda samideano David Dewar, kiu donacis al ni pli ol 30 gazetojn kaj ĵurnalojn ("esperannto", "Monato" kaj aliaj). En n-ro 11 de "EeA" mi trovis la adreson de li, kiu helpeme sendos stokon da libroj per propra sendokosto. Sekve mi skribis al li. Post pli ol duona jaro mi ricevis la librojn karajn, samtempe ankaŭ bonecon kaj helpemon de tiu ĉi maljuna inĝeniero. Pro tio mi volas diri :

DANKON! KORAN DANKON! Mi dankas tiujn, kiuj donis subtenon kaj helpon dum nia lernado kaj praktiko.

Ĉe mi estas multaj junuloj, kiel mi. Ili amas Esperanton, sed ili ne povas praktiki. Kial? Ĉar ili ne ligas sin al niaj samideanoj.

Tial ni devas lerni de veteranaj kaj maljunaj esperantistoj en kaj ekster la lando.

*(DONG Shulin/ Zaozhuang mei kuang cai mei wu qu, CN-277101 Zaozhuang Shandong, Ĉinio)*

## 8.Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 13, ĝis la 23a de decembro 1993 jenaj 24 japanoj, unu japana Espernto-grupo kaj unu usonano loĝanta en Japanio kontribuis por la azia movado sume 46 stelojn ( ¥ 92,000): AKADA Joŝihisa, ASAMI Masako, E-Klubo de la altlernejo Sumijoŝi, HAŜIGUĈI Ŝigejuki, HIROTAKA Masaaki, INOUE Naoki, INUMARU Fumio, ISOBE Akira, IŜINO Joŝio, ITOO Joriko, IŬAMOTO Hitoŝi, IŬAMOTO Tamae, JAMASAKI Seikoo, JAMATO Ŝin-iĉiroo, Joel BROZOVSKY, KAGAMI Akio, KITAGAŬA Ŝooĵi, MAEDA Jonemi, MIZUNO Joŝiaki, MORITA Reiko, NAGAKURA Sonoko, NAGAOKA Ĵiroo, NAKACU Masanori, NOMURA Tadacuna, OOCUKA Jasuŝi, TAKUBO Hideo.

Krome s-ino Anonima donacis 200,000 enojn por la Esperanto-movado en Azio jam la trian fojon. Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

### • Korektoj de N-ro 13

| | | | |
|---|---|---|---|
| p.7 | linio -7 | 50 000 | (500 000) |
| p.19 | linio -1 | parolo | (popolo) |
| p. 20 | linio 12 | severeco | (servemo) |

**•Parolas la redaktantoj:** La lastan numeron de 1993-a ni sendas al vi. Ni ĉiam dankas vin, sendantojn de leteroj kaj raportoj, kiuj riĉigas nian bultenon. Kompreneble ni ne forgesas grandnombrajn subtenantojn. Kaj ni diru egan dankon precipe al la granda kontribuo de prof. SO Gilsu, ne nur al la bulteno, sed al la azia movado. En 1994-a en Seulo okazos la 79-a UK, la 3-an fojon en Azio. Se kondiĉoj permesos, ni ĉiuj kolektiĝu en UK kaj havu grandan azian feston por pli da solidareco, ne per skribita bulteno, sed per rekta renkontiĝo. *(red.)*